Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiusemajna novaĵletero. rspring@tpg.com.au

# Aŭstraliaj  Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj



Redaktoro Roger Springer Provlegita de Bob Felby



PLENUMITA 11/07/2019 Kvarcenttridekkvara eldono (unua eldono 20/09/2011)

**Rapide ekrigardu ĉiujn titolojn.**

**Legu tiujn kiuj interesas vin**

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

***Uzindaj ligoj*** *reta-vortaro* *Freelang Vortaro* *Plena Ilustrita Vortaro* *Duolingo* *Google Translate* *Pasintaj AE eldonoj* *duolingo entute* *lingvohelpilo* *Esperanta Retradio* *Esperanta himno* *PMEGramatiko* *openclipart.*

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

## Entute 840,000 lernantoj nun studas Esperanton per Duolingo



Nun studas 318,000 lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)
Nun studas 300,000 lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)
Nun studas 222,000 lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Gramatika serio "La Verbo en P.A.G.". N.ro.76






En alia de-sceno "La forpreno DE la infano" povas havi tri malsamajn signifojn: **1e**. La infano forprenis ion; **2e.** Oni forprenis la infanon, kaj **3e**. Oni forprenis ion for de la infano. **Alia** ekzemplo: "La manĝado de la raŭpoj"; ĉu la raŭpoj manĝas aŭ ĉu oni manĝas la raŭpojn? **Alia**: "La retroveno de la gepatroj": ĉu oni retrovenis el de la gepatroj, aŭ ĉu la gepatroj retrovenis? **Alia**: "La vojoj de la urbo": ĉu kondukantaj el aŭ apartenantaj al la urbo? Kompreneble oni povas alistrukturi la frazon por esti komprenebla, sed tio ne bezonus esti necesa por perfekta lingvo. Krome oni ofte forgesas fari tion, kaj la aŭdanto ne komprenas.

P.A.G. donas plurajn solvojn proponitajn de la Esperantologoj dum la historio de Esperanto, sed neniu komplete kontentigis. Ĝis, sed post la mortoj de Kalocsay kaj Waringhien, mi trovis la centprocente fideblajn solvojn, laŭ Fundament'ecaj reguloj, nome "**ante al**", "**ate de**", "**el de**", kaj "**de**". Sed mi konsilas uzi tiujn nur tiam, kiam la simpla "de" povas kaŭzi miskomprenon, kio okazas sed ne tre ofte.

(daŭrigota) *Marcel Leereveld*

*Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE*

# Misherboj en mia ĝardeno.

## ZONERUPCIO.



Por kontraŭi la dolorojn de mia malsano ”zonerupcio” (shingles), mi dum la nokto, por povi dormi, uzas kuracistan kontraŭdoloraĵon (“dolormortiganto”),



sed dum la tago mi ne volas uzi ilin, ĉar ĝi ankaŭ malstabiligas kaj kaŭzas lacecon, kaj por ne senti la doloron dum la tago la plej bona afero por mi estas labori en la ĝardeno. Do nun mi malamas la pluvon. Estas tre multaj misherboj en mia ĝardeno, kaj mi do havas multe da laboro tie. Mi faras la laboron plej ofte sidante sur seĝo, ĉar stari longtempe baldaŭ lacigas min.

Farante tiun laboron mi ekkomprenis, ke ankaŭ la plantoj havas militojn inter si. Kelkaj plantoj, precipe grimpuloj, sufokas aliajn plantojn, inkluzive de arboj. Tion faras en mia



ĝardeno kelkaj grimpuloj kun belaj floroj, ruĝaj kaj oranĝaj. Mi trovis ke ili preskaŭ mortigis grandplantan rozon kaj ornamentan pomarbeton, kaj ili dissendas radikojn por krei novajn plantojn, precipe ĉe aliaj plantoj. Mi do nun estas elfosanta centojn da iliaj radikoj, ĝis tri metrojn for de la patrina planto. Mi havas specialan ilon por elfosi ilin kaj uzas ankaŭ miajn fingrojn per specialaj fortaj gantoj. Sed la maldikaj radikoj ankaŭ ĉirkaŭiras la radikojn de aliaj plantoj kaj teorie mi devus elfosi ĉiun arbeton, purigi ĝin, kaj replanti ĝin. Tion mi faros proksiman vintron, ĉar dum la onta somero mi rekonos ilin, regrimpantaj. *Marcel.*

## PROPONO AL U.E.A. KAJ LA AKADEMIO.



**Mi proponas ke:**

**1.e** U.E.A. oferu al la Komitato de la Eŭropa Unio, kaj eventuale al aliaj grupoj de nacioj, ke tiuj uzu la gramatikon kaj la vortaron de Esperanto kiel sian komunan lingvon, kaj ke tiu lingvo kresku kiel natura lingvo dum la oficiala kaj neoficiala uzado, kaj ke konsekvence tiu Lingvo ŝanĝos sian gramatikon kaj vortaron laŭ kiel faras etnaj lingvoj. Ĝi tial ne nomiĝu Esperanto, sed havos sian propran nomon, ekz. **“Espereŭro”.**

**2.e** U.E.A kaj la Akademio de Esperanto plu respondecos pri la origina Esperanto por akcepto de la lingvo kiel la lingvo por oficiala kaj neoficiala uzo ate de la mondkomunumo por esti kaj resti la fidebla internacia interlingvo kaj la fidebla komuna lingvo inter la diverslingvaj homoj kaj asocioj kaj ŝtatoj de la mondo. Por resti fidebla, ĝi estu kaj restu perfekta lingvo artefarita kaj plu artefarata, kaj ke tial la Akademio ankaŭ korektu, laŭ reguloj de la Fundamento, kelkajn



*Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE*

zamenhofajn erarojn en lia gramatiko kaj en lia vortaro. Ĝi plutenu la oficialan nomon "**Esperanto**".

**Tialoj:**

**A.** Estas certa, ke neniu komitato de Eŭropa aŭ alia Komunumo de Nacioj fordonos al nia Akademio aŭ al U.E.A. la rajton decidi pri afero pri kiu ĝi estas mem respondeca. Ili deziros uzi siajn proprajn lingvistojn kaj aliajn por decidi kiel kaj kial akcepti aŭ uzi Esperanton por sia komuna interlanda lingvo. Ili verŝajne decidos, ke la komuna eŭropa (aŭ alia) lingvo estu vivanta lingvo kia estas la etnaj lingvoj, ankaŭ ĉar la etnaj lingvistoj kutime ne komprenas aŭ ne volas kompreni , ke artefarita lingvo povas esti same multe riĉa kaj esprimpova kiom etna lingvo.

**B.** Nia ortodoksa Esperanto estas kaj restu la plej fidebla internacia lingvo se la Akademio de E. artefare zorgu pri ĝia gramatiko kaj vortaro, kaj tial ne povas toleri ŝanĝojn faratajn de aliaj instancoj. Ni ja ne volas forlasi kaj perdi la perfektan kaj centprocente fideblan lingvon artefaritan kaj uzeblan eĉ pli bone ol etna lingvo.

**C.** Tial ni perdos la originan Esperanton, se ni fordonos ĝin al Eŭropa (aŭ alia) komitato. Nia historio kaj nia literaturo estas tro gravaj kaj valoraj.

**D.** Dum longa tempo la parolantoj de iu Espereŭro komprenos aŭ facile lernos la originan Esperanton, kaj la mondaj Esperantistoj plu komprenos "Espereŭron" (aŭ alian).



**E.** La eŭropanoj (aŭ aliaj) havos dum tre longa tempo facilan interlandan lingvon, kaj la mondo havos plu la perfektan internacian lingvon Esperanto.

*Marcel Leereveld.*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# La Manlia Esperanto-Klubo







Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf
Unu taso da klubpagota kafo atendas vin.
La 6a de julio estis la unua sabato. Venis Roger Springer, Michael Peters, John Cassey, Chris Holliss kaj Ian Wylles

*Roger Springer*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# El Adelajdo – Julie



La klubanoj de Adelajdo kunvenis pasintfoje la 3-an de julio. Kun intereso ni aŭskultis la prelegon de Charles Stevenson pri kelkaj elstaraj virinoj en la aŭstralia E-movado. La nomojn de pionirinoj ni ĝis nun eĉ ne aŭdis (ekz. Lilian Alexander aŭ Anna Hintze), sed kelkaj memoris pri Audrey Childs-Mee aŭ Fay Coppel. Danke al la preleganto ni konatiĝis kun eksterordinaraj sortoj kaj grandaj agoj de niaj antaŭulinoj.



*Katja Steele*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***

# Ni proponas al via atento:



**Interretaj Esperanto-bibliotekoj de elektronikaj libroj:**

https://docs.google.com/document/d/10LjTsROv1FDIQvz5I-GbaM3HuEZKgKHyszuWH6Yx38I/edit

La kolekto estis farita por la fejsbuka grupo: "Pdf-/Epub-librejo"---------

*Ret-Info / Lingvo-Studio, LS* *http://www.eventoj.hu* *Katja Steele*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Tri demandoj al la prezidanto de AEA (04.07.2019)



Jen por la novaĵbulteno nova intervjuo.

Amike, Tri demandoj

https://www.youtube.com/watch?v=LTgzr6L2XaI&feature=youtu.be *Katja Steele*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★




★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Flago por kunvenoj

Presu, faldu, uzu  +  por starigi

flagon Nazpaperon

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***

